# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

10-a Jaro — Numero 10-12

JARABONO
En Brazilio 3$000
Eksterlande 5 fr. (2 Sm.)

Oktobro-Decembro 1919

REDAKCIO—PRAÇA QUINZE DE NOVEMBRO
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO


## Dro. L. L. Zamenhof

La 15 an de Decembro oni honoris en la tuta terglobo la memoron pri unu el la plej grandaj bonfarintoj de la homaro—Dro. L. L. Zamenhof, glora elpensinto de Esperanto.

Ĉi tiun fojon, oni ne faris bruajn, solenajn festojn, ĉar la esperantistaro funebras ankoraŭ pro la freŝdata morto de la karega Majstro. Sed, malgraŭ tio, neniu el ni pasigis kun indiferenteco la naskiĝtagon de la geniulo, kiu liveris al la homoj la rimedon, la ilon, por disfaligo de laBabelturo—la interpopola malkompreniĝado.

De longe, jam de kelkaj jarcentoj, la filozofoj kaj sciencistoj cerbumadis kaj streĉadis siajn kapablojn, por ellabori lingvon komunan, per kiu ĉiuj popoloj sin interkomprenus reciproke. Multaj projektoj estis proponitaj, sed neniu, ne eĉ Volapük, montriĝis praktika. La gloro pri la definitiva solvo de tiu gravega problemo apartenas al Zamenhof.

———

Kelkajn vortojn pri la historio de Esperanto kaj ties aŭtoro niaj legantoj certe ne malŝatos.

Naskiĝis L. L. Zamenhof, la 15 an de Decembro 1859, en Bialystok, malgranda litova urbo. La loĝantaro de Bialystok konsistis tiam el kvar elementoj—hebreoj, poloj, rusoj kaj germanoj—kiuj rilatis inter si kiel malamikoj. Tiu malamikeco inter anoj de la sama urbo forte impresis la junan Zamenhof, kiu frue komprenis, ke liaj samurbanoj sin malamas reciproke nur tial, ke ili ne komprenas unu la alian. De Bialystok la patro de Zamenhof transloĝiĝis en Varsovion, en kies gimnazio la knabo estis akceptita kiel lernanto. La 17 an de Decembro 1878, en sia lasta kursjaro, Zamenhof kunvenigis en sia modesta ĉambro kelkajn kundisciplojn, kun kiuj li festis la naskiĝon de la «lingwe uniwersala», kies himnon ĉiuj hore kantis. Kompreneble tiu lingvo ne estis tutegala je la nuna Esperanto.

Sekvis dekjara «eklipso», dum kiu oni neniam aŭdis pri la elpensitaĵo, kaj kiun Zamenhof uzis por ĝin perfektigi kaj praktikadi. Dume la iama gimnaziano fariĝis kuracisto.

Fine, la 8 an de Julio 1887, venkinte sennombrajn malfacilaĵojn, Zamenhof prezentis al la mondo sian verkon, kiun, pro la malsukceso de Volapük, la mondo en la komenco ne volis atenti.

Sed tiel mirinde facila estas Esperanto, ke post la neatento kaj indiferenteco de la unuaj tagoj, ĝi allogis kaj algajnis ĉiujn, kiuj ĝin ekzamenis senpartie, eĉ la volapükistojn. De tiam stariĝis ĉiuloke societoj por la propagando de la lingvo internacia, kaj jam de multaj jaroj «en Esperantujo la suno neniam subiras».

Zamenhof mortis la 14 an de Aprilo 1917.

———

Ĉi tie, en Rio de Janeiro, la tuta gazetaro raportis longe kaj tre simpatie pri la naskiĝtago de nia Majstro. Kelkaj ĵurnaloj eĉ stampis lian portreton.

En Aracaju la gazetaro ankaŭ dediĉis artikolojn al la naskiĝa datreveno de Dro. Zamenhof.

*Alcibiades Paes.*

## Dek-Dua Universala Kongreso de Esperanto

Al la tutmonda samideanaro!

Post interkorespondado kun la Konstanta Komitato de la Kongresoj, la Hagaj Esperantistaj societoj decidis akcepti la inviton, okazigi la dek-duan Universalan Kongreson de Esperanto en la registara urbo Hago, dum somero 1920.

La 15 an de Novembro konstituiĝis la loka kongreskomitato. La prezidanto estas sro J. R. G. Isbrücker kaj la sekretario—kasisto sro Bruijn.

Diversaj subkomitatoj por enloĝigoj, ekskursoj, festvespero, diservoj, k. c. estos formataj. Honorkomitato formata el eminentaj personoj en Nederlando (speciale en Hago) estos starigata. Pri la kongressalonego klopodoj en diversaj direktoj estas farataj.

Al la K. K. K. estas submetataj por aprobo la jenaj decidoj:

1.º okazigi la kongreson en la unua semajno (1—7) de septembro 1920;

2.º fiksi la kongreskotizajon je 10 Nederlandaj guldenoj;

3.º permesi, ke samideanoj el landoj kun malfavorega kurso je Nederlando (ekzemple Germanujo, Aŭstrujo, Belgujo, Francujo, ĉiuj novaj Eŭropaj ŝtatoj. k. c. pagu siajn kotizajojn ekstreme en majo 1920, kiam supozeble la diversaj malaltaj kursoj almenaŭ iom estos pliboniĝintaj;

4.º formi garantian fundon per enskriboj de sumoj po 25 guldenoj.

—

Estis akceptita la dua semajno (8-15) en Aŭgusto.

---

### A necessidade actual da existencia de uma lingua internacional.

A adopção de uma lingua auxiliar internacional, que pela sua natureza constitua facil e seguro instrumento de intercambio de idéas entre os povos, de dia para dia mais intensamente prende a attenção dos homens de boa vontade, como responsabilidades na momentosa remodelação por que vae passando o mundo.

Ainda ha pouco, o eminente professor do Collegio de França, A. Meillet, expendeu os conceitos que se seguem, referentes á conveniencia da implantação de uma lingua internacional artificial nos usos e relações da vida moderna. Esses conceitos foram publicados no interessante periodico parisiense *Le Travailleur Esperantiste*:

«A's velhas linguas civilisadas, que se estropiam no mal falar das pessoas que as conhecem imperfeitamente, linguas da escól intellectual, assimilaveis com perfeição apenas por quem, em reduzido numero, possue commodidade e vagar, convem adjudicar-se, para o uso corrente da vida internacional, uma lingua artificial da qual todo mundo se possa servir com facilidade.

Sabe-se que a realização de congressos internacionaes torna-se muito difficil, impossivel quasi, pela diversidade de linguas que nelles são postas em jogo, sobretudo quando da reunião fazem parte homens de cultura mediana ou mesmo pessoas de grande desenvolvimento que, embora bem conhecendo o mecanismo de varias linguas, falem-nas com imperfeição.

Os congressos internacionaes de um partido como o socialista, que faz profissão de internacionalismo, arrastam-se morosamente nos seus trabalhos pela necessidade que se apresenta de tudo verter para linguas differentes. Além disso os delegados das nações pequenas devem ser escolhidos entre pessoas que conheçam qualquer uma das grandes linguas empregadas nesses congressos, acarretando muitas vezes, talvez, com tal preferencia, o inaproveitamento das culturas especializadas no terreno da sciencia politica e social.

Assim, é evidente que se impõe a adopção de uma lingua commun para viabilidade das discussões, lingua que seja de facil aprendizado e que a todos colloque no mesmo pé de egualdade. Sómente uma lingua artificial pode satisfazer essa dupla exigencia.

Para a communicação das idéas vê-se quanto seria vantajoso o emprego de uma lingua internacional. Livre de todos os caracteres singulares e idiomaticos, uma lingua desse feitio se prestaria magnificamente á versão e á traducção. Com effeito, quando traduzimos, depara-se-nos uma dupla difficuldade: os idiotismos do original e os da lingua para a qual vertemos. Si vertemos para uma lingua artificial, subsiste apenas a primeira difficuldade, pois que por definição uma lingua artificial não comporta expressões idiomaticas.

Emquanto que, por exemplo, uma versão de inglez ou de francez em *magyar*

não produz effeito senão na Hungria, uma traducção para o *Esperanto* serviria para a Europa inteira. Tal ou qual obra scientifica ou technica, cuja importancia não autorizasse a sua traducção numa lingua classica, poderia ser traduzida ou resumida utilmente na lingua internacional para uso do publico universal.

Para tudo aquillo que não constitua obra genuinamente literaria, o autor que pertença a um paiz pequeno teria todas as vantagens em publicar seus trabalhos numa lingua internacional artificial. Pelo menos, não teria com isso o mesmo escrupulo nem os mesmos obstaculos que se lhe antolhariam no manejo de uma lingua que não fosse a sua.

A necessidade pratica de uma lingua internacional é evidente. E, porque é possivel, deve ser realizada.»

## O ESPERANTO E OS OPERARIOS

Durante o congresso annual da Confederação Franceza do Trabalho, que é a união de todos os syndicatos francezes (1.600 syndicatos e 2.000.000 de membros), realisado em Lyão, foi approvada unanimemente a seguinte moção:

«O Congresso,

Considerando a importancia e urgencia da questão da lingua internacional,

Lembra a moção favoravel ao Esperanto approvada unanimemente pelo Congresso da Confederação realisado no Havre em 1912,

Recommenda a todos os membros de syndicatos e estudo do Esperanto e á todos os syndicatos e uniões de syndicatos a organisação de cursos dessa lingua,

E incumbe á Commissão da Confederação de propôr o Esperanto á Internacional dos syndicatos e de pedir a inscripção dessa questão nas discussões do proximo congresso internacional».

Esse successo do Esperanto mostra que os circulos operarios que se declaram internacionalistas, começam a comprehender a necessidade do Esperanto para vivificar suas organisações internacionaes e fazer nascer em seus cerebros e em seus corações ideias e sentimentos verdadeiramente internacionaes.

Por occasião do congresso de Lyão uma petição ao governo da Russia para a introducção do Esperanto nas escolas recebeu em poucas horas 800 assignaturas.

## VORTLUDO

Kiam generalo Napoleono Bonaparto venke konkeris Italujon, diris li malbonhumore, pro la persista kontraŭstaro de l' Italoj, al itala sinjorino: «Vi Italoj ĉiuj estas rabistoj kaj ŝtelistoj! «La respondo neatendida estis: «Ne ĉiuj, sed bona parto!»

(El *«Svisa Espero».)*

## Malespero kaj konsolo

Iam mi esperis,
Tiam mi eraris
Ĉiam mi atendas
Ankoraŭ.

Bono jam ne estos;
Morto baldaŭ venos,
Sed bonŝanco kiam?
Neniam! (R. Deshays.)

Iu malesperas:
Tiu tre eraras;
Ĉiu nur rigardu
Antaŭen!

Bono certe restos
Malgraŭ morto venos.
Malesperu kiu?
Neniu!

Io nin konsolas,
Tio certe estas!
Kio do ĝi estas?
Laboro!

Ago bona daŭra
Por afero nia,
Estu ĝi nenio
Aŭ ĉio!

K. J.

(El *«Svisa Espero»)*

## NOKTIĜO

Mortas la tago.

La suno subiranta elĵetas siajn lastajn radiojn, kvazaŭ adiaŭante la naturon, antaŭ ol ĝi malaperos de la horizontlinio en la mallumon de la senfina spaco.

La intermiksaj, maldistingeblaj sonoj de la naturo, veraj vivsignoj de tiu mistera organismo, ekĉesas, kaj, anstataŭ lumo, bruo, vivo, ekregas peza silento kaj mallumo.

La birdoj eksilentiĝas kaj iras en siajn n' stojn, forlasinte la branĉojn, kie la tutan tagon ili salutadis la sunon.

La malluma kaj peza vualo de l'ombroj noktaj, jam falantaj, ŝajnas kovri ĉiujn naturaĵojn, kiuj ekdormas, lulate de tiu kvietegeco.

Plenaj je nedifina dolĉa melankolio, ni eniras en la landon de l' sonĝoj kaj senkonscie travivas ĉiujn feliĉajn aŭ malgajajn momentojn de nia vivo.

Sento de senkaŭza doloro, miksata je dolĉa sento de saŭdado al io nekonata, venas en nian koron, dum la nokto falas silente, kaj diverskoloraj steloj semas la malhelbluan puran ĉielon je mil trembrilaj lumpunktetoj.

Aracajú, 27—2—1919.

*Aluísio Costa Barros.*

## ROZOJ

Antaŭ la flora bedo—ĉar ĝi estis pli florbedo ol tombejo—la kompatinda patrino ploregante diris al mi: Ili estis apenaŭ du, du belegaj rozoj dunaskitaj, unu sur ĉia vango—nun ili estas multaj super la tero. Mi opinias ke ili estas naskitoj de l' aliaj, kiujn la Morto deŝiris tiel frue.

Kiam ĝi mortis, ili kontraŭbatalis kun la malvarmo, kiu glaciigis ĝian korpon, sed... la Morto estas el neĝo, tiel malvarma, ke, ĉe l' enteriga horo, la floroj estis malaperintaj, kiel malaperas el la tero, kiam la vintro estas rigora, la delikataj lekantetoj.

Ili estis du, du rozoj ruĝaj, cirkaŭ kiuj miaj lipoj promenis kiel papilioj. Ho ve! hodiaŭ miaj lipoj ne havas rifuĝejon. Ian nokton—kaj jen mia iluzio—la rozoj aperis tiel fortikajn, tiel ruĝajn, ke mi fiera volis ke ĉiuj vidu ilin, kaj preninte la infaneton en la brakoj, mi vokis la najbarojn por montri al ili la belegajn florojn.

Ili venis, kaj miregis... sed virino, maljuna virino, plena je sulkoj kaj kun blankaj haroj diris, subite, palpante la pulson de l'infano: «Ĝi havas febron...» kaj ĉiuj ripetis malgaje ŝiajn vortojn kaj dum longa tempo, oni murmuris ĉirkaŭ mi kun pieca esprimo. «Kia domaĝo! tiel belega ĝi estas! Ĝi brulas, kiel fajra karbo!» Kaj la rozoj pli kaj pli belegaj.

Varmo... sed estas nature dum la varma tempo ke la tero produktas la plej belajn florojn, kaj same devas esti pri l'infano. Sen varmo kiel la floroj povas flori? Ĉu eble ili volas rozojn en glacio! ?

Ve! ĝi estis mia unua infano, kaj mi neniam imagis ke la Morto povu ĝin elpreni, tiel premate mi portis ĝin en la brakoj, tiel atentema mi estis ĉiam apud ĝi.

La kompatindulo ankoraŭ ne parolisĝiaj ideoj estis malgrandetaj, ne malsupreniris al la buŝo per paroloj, ili restis en la okuloj per lumo, kaj de tie, ĝoje kiel steletoj en blua ĉielo, ili brilis por mia animo, kaj mia animo komprenis ilian brilon.

Tiun nokton ĝiaj okuletoj ne malfermiĝis, tiamaniere ke mi ne povis vidi la klarajn steletojn kaj ne malkaŝis la suferon. La Morto jam eniris kaj fermiĝis interne ne lasante eliri eĉ unu ĝemon.

Alproksimiĝita al mia brusto la infaneto estis kiel vivanta fajro, kaj la rozoj ĉiam belaj, ekflorante plenaj je vivo. Estis ili, kiuj trompis min!

Kiam la kuracisto alvenis—ho ve! ... liaj unuaj rigardoj estis ĝuste por la floroj kaj senkuraĝiĝis, vidante ilin. Li petis glacion, kaj la maldikaj blondaj haroj kaj la belega frunto plej blanka ol la kamelioj malaperis sub la malvarmegaj kristaloj kaj la rozoj... la rozoj ĉiam ruĝaj!

Car la varmo pligrandiĝadis, estis necese reformi ĉiumomente la neĝkoloran aŭreolon, kiu fandiĝis dum momento. Mi rigardis ĝin, tiel klinita super la etuleto, ke miaj larmoj falis sur ĝiajn vangojn kiel la gutoj de tegmento sur florbedon.

La kuracisto malproksimigis min dirante—ke mia plorado pligrandigas la varmon de l' infano. Kompatindulo. Efektive miaj larmoj brulis.

Kaj ĝis la mateno la najbaroj, kiujn mi kontenta vokis por ke ili vidu la rozojn, la kuracisto kaj mi laboradis por mortigi la florojn, kaj ili pli kaj pli purpuraj kaj pli grandaj, kreskis ĉiam sur la vangoj de l'malgrandetulo. Mi kredas, ke la tutan sangon, kiun ĝi havis, ili konsumis tinkturiĝante per ĝi dum tiu nokto, la lasta!... Ha! ili scias beliĝi por la morto, la rozoj! Estis ili kiuj mortigis ĝin... Tiuj, kiuj estas super la tombejo, estas belaj, sed la veraj, tiuj, kiuj produktis ilin... neniu vidos plu... neniam plu! Ili estas eble en la Paradizo ĉe la piedoj de Dio...

Iam la rozoj estis miaj preferindaj floroj... hodiaŭ mi malamegas ilin, kiel oni povas malamegi mortiganton.

Kaj diru: ĉu vi ne trovas nature ke mi malamegu la florojn perfidajn kiuj, kiel parazitoj vivis de l'kompatidulo kaj lasis ankoraŭ ĉiuj dornojn sur mia koro?

Ne! amas nur la rozojn la patrinoj, kiuj ne perdis filojn mortigitajn de ili.

El Coelho Netto tradukis

*Yrany Baggi de Araujo.*

## NEKROLOGIO

### ZUZARTINO DE OLIVEIRA CESAR

Kun profunda, sincera bedaŭro ni ricevis sciigon pri la morto de nia samideano Zuzartino de Oliveira Cesar, el Aracaju.

Zuzartino posedis noblan koron, senmakulan karakteron—diras ĉiuj, kiuj lin konis.

Antaŭ ĉirkaŭ du jaroj li sukcese trapasis la ekzamenon por akiri la diplomon de profesoro aprobita de Esperanto. Kaj li estis fervora esperantisto.

Sufiĉe inteligenta, granda amiko de la libroj, precipe de la lernaj, eksterordinare laborema kaj sciante, kiel tre malmultaj, regi sian volon, li havis antaŭ si, malgraŭ sia modesta deveno, belan estontecon. Sed,ho ve! la senkompata morto ne permesis, ke li efektivigu sian idealon.

La 26 an de Oktobro, viktimo de terura variolo, li ellasis sian lastan spiron, en Bahia, kie li estis telegrafisto kaj studento de medicino.

Dormu trankvile, amiko, kaj via familio akceptu niajn kondolencojn!

### ALIPIO DOREA

Mortis ankaŭ la konata esperantisto sro Alipio Dorea, delegito de U. E. A., en Rio de Janeiro. Li estis tre estimata pro sia gaja karaktero kaj sia emo al ĉiuj homamaj propagandoj. Li direktis kolegion en *Campos* kaj estis ano de l' Kristana Asocio de Junuloj kaj de la Ligo kontraŭ la Nesciado. De kiam li fariĝis esperantisto, li entuziasme propagandis Esperanton. Li estis estrarano de Brazila Klubo «Esperanto» kaj direktis kun sukceso kelkajn kursojn de Esperanto en la publikaj lernejoj.

Al lia familio ni kore sendas kondolencojn.

## KRONIKO

**Ceará.** — *Fortaleza.* La 24 an de Decembro, ĉe sino Amelia de Castro, okazis kunveno de l' laborema klubo «Nova Samideanaro». Je la sepa vespere oni malfermis la kunsidon kaj sro Eurico Pinto, oficiala oratoro, faris belan paroladon pri la utileco de Esperanto. Poste parolis sroj Antonio Jucá, Josaphat Linhares, Francisco Falcão kaj Joaquim Bessa Pereira kaj finoj Therezita Bessa kaj Raymunda Bessa de Noronha. Deklamis la poezion «L'Espero» fino Maria José de Castro.

Post la kunsido la ĝentila dommastrino regalis ĉiujn ĉeestantojn per dolĉaĵoj.

«Diario do Estado» raportante pri tiu kunveno salutis la klubon kaj deziris ĝian prosperon. Ricevis la ateston pri lernado sroj Joaquim Bessa Pereira kaj Francisco Assis do Rêgo Falcão, estraranoj de «Nova Samideanaro».

Bone sukcesas la kursoj malfermitaj de tiu klubo.

**Sergipe.** — *Aracajú.* La 18 an de Novembro faris ekzamenojn de Esperanto la lernantinoj de l' kurso direktita de sro Sebastião Publio de Albuquerque en la Komplementa Lernejo. Multaj personoj, inter kiuj kelkaj publikaj geprofesoroj ĉeestis la ekzamenojn.

Estis aprobitaj la jenaj lernantinoj: Dinorah Fortes, Maria do Carmo Vieira, Maria Gomes, Albertina Mazzoni de Andrade, Maria Magdalena, Julia Canna Brasil, Nizia Porto, Maria de Lourdes Brandão, Amalia Assis Rocha, Nair Vasconcellos kaj Nolita Oliveira.

Prezidis la ekamenojn fino Norma Reis, profesorino en la Normala Lernejo.

Por premii la plej distingindajn «Esperanto-Klubo» kreis du premiojn, kiuj konsistas el ora medalo — Premio Couto Fernandes — kaj arĝenta medalo — Premio Backheuser.

Pro la rezultato de la ekzamenoj la estraro de l' klubo decidis doni du orajn medalojn, kiujn ricevis la lernantinoj Dinorah Fortes kaj Maria do Carmo Vieira. La arĝenta medalo estis ricevita de la lernantino Maria Gomes.

La disdono de tiuj premioj estis solene farita, je la 14 a de Decembro, okaze de la disdono de l' diplomoj al la lernantinoj de la Normala Lernejo, kiuj ĵus finis sian kurson.

— En la Kolegio Sankta Cecilio, kies direktorino estas nia samideanino fino Cecilia Curvello, funkciis kurso de Esperanto, kiun ŝi mem gvidis. En la ekzamenoj okazintaj la 28 an de Novembro estis aprobitaj la jenaj gelernantoj: Paulo Ezequiel, Arcelia Ezequiel, Hercilio Silveira, Lucia Curvello, Dinorah Cardoso kaj Maria Machado.

**Rio de Janeiro.** En nia antaŭlasta numero ni diris ke, pro la ŝanĝoj faritaj en la programoj de la publikaj lernejoj, nur en la lernejo Visconde de Ouro Preto funkciis dum la jaro 1919 kurso de Esperanto. Pro tio ni estas tre dankaj al la klera direktorino de tiu lernejo, fino Maria Luiza Desray kaj al la profesorino fino Haydéa Ferreira, kiu direktis la kurson.

En la ekzamenoj okazintaj la 27 an de Novembro estis aprobitaj kaj ricevis la ateston pri lernado la jenaj gelernantoj: Edith Pires, Ruth Mascarenhas, Alvaro M. Affonso, José Lessa, Maria da Silva Monteiro, Sebastião Cantisano kaj Oswaldo Hermenegildo da Silva.

Estis ankaŭ aprobitaj en pligradiĝa ekzameno la lernantinoj Helena Mascarenhas, Candida Ferreira da Silva, Noemia Monteiro kaj Cecilia de Araujo Góes.

Prezidis la ekzamenojn dro Antonio Carlos de Arruda Beltrão, prezidanto de Brazila Klubo «Esperanto» kaj ĉeestis ĉiujn pruvojn la direktorino de la lernejo.

La 14 an de Decembro okazis la lerneja jarfina festo dum kiu estis disdonitaj premioj al la gelernantoj de Esperanto, sur kies brusto montriĝis la verda stelo. Ilin oferis la gvidantino de l' kurso kaj Brazila Ligo Esperantista.

La ĉarma knabineto Ruth Mascarenhas deklamis la poezion «Zamenhof» verkitan de nia klera samideano sro Aluisio Costa Barros.

Kiel pruvo de sia granda simpatio al Esperanto, la direktantino de la lernejo kreis du premiojn titolitajn «Zamenhof» kaj «Couto Fernandes» ricevotajn de la plej distingindaj gelernantoj de l' elementa kurso.

— «Virina Klubo» efektivigis kunvenojn ĉe sino Custodia Marques, la 12 an de Oktobro, kaj ĉe sino Adéle Duarte de Souza, la 14 an de Decembro.

Al la lasta ĉeestis multaj geesperantistoj. Partoprenis en la muzika parto la distinginda profesorino de kantarto fino Marietta Bezerra, sinoj Dioguina Chalréo Corrêa kaj Irene Amelia Santos kaj sro Alberto Guimarães. Deklamis poeziojn kaj monologojn finoj Yrany Baggi de Araujo, Regina de Barros, Maria Cesar kaj Odaléa Thompson, sro José M. Reis Perdigão kaj la geknaboj Bernardino Ferreira e Souza, Gilberto Ramos da Silva, Ruth Mascarenhas, Elisa Carnot Camillo, Beatriz kaj Estella Ferreira e Souza, Lucy Bosisio kaj Ilka de Oliveira Guimarães.

Poste oni dancis ĝis noktomezo, kiam oni trinkis teon kun biskvitoj.

— Ni havis grandan plezuron ricevi la vizitojn de niaj distingindaj sergipaj gesamideanoj dro Alcibiades Corrêa Paes, ties edzino sino Consuelo Menezes Paes kaj fino Cecilia Curvello.

— La 15 an de Decembro preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj parolis pri la neskiĝotago de nia karmemora majstro.

— La multelegata vespera ĵurnalo «Rio Jornal» daŭrigis helpi la propagandon de nia kara lingvo aperigante sur la unua paĝo artikolojn kun fotografaĵoj pri Esperanto. Niajn korajn dankojn!

— Okaze de la jarfina festo en la 8 a duseksa lernejo de la 13 a distrikto, kies direktorino estas sino Alzira Santos de Souza, oni kantis la Internacian Marŝon, de sro Eustorgio Wanderley. Ludis la rolon Esperanto la ĉarmaj knabinoj Nair Corrêa kaj Nair Pinho.

— La 18 an de Decembro aperis en «Correio da Manhã» artikolo verkita de l' ŝatata humorajisto sro Bastos Tigre en kiu li provas ridindigi la lingvon de Zamenhof. Sed nia klera samideano dro J. B. Mello e Souza per trafa respondo, kiu aperis en «O Imparcial» (26 Decembro), montris ke sro Tigre estas ŝanĝema, ĉar li verkis antaŭ kelkaj jaroj belan soneton pri Esperanto, kiun ni transkribis en nia revuo.

— La ĵurnalo «A Razão» publikigis artikolon tilotitan «Esperanto kaj la laboristoj».

A. C. F.

---

## O Esperanto no Estrangeiro

**Inglaterra** *Londres*—Por occasião da Conferencia hydrographica internacional, organisada pelo Governo Britanico, o Snr. Rollet de l'Isle, engenheiro Chefe hydrographo da armada franceza, pronunciou um discurso de propaganda sobre o Esperanto, em Savoy Hotel, a 8 de Julho: compa-

ceceram officiaes de marinha representantes dos governos americano, belga, dinamarquez, francez, italiano, etc. O Snr. Rollet exprimio-se em Esperanto e a Snra. Blaise traduzio a allocução para o inglez.

O assumpto foi commettido a uma commissão especial para estudo e conclusão.

A Directoria do Instituto Nacional dos Cegos destinou a verba de Ls. 250 para a manutenção do *«Esperanta Ligilo»*, revista mensal, universal, para os cegos, editada pelo Snr. Philander, de Stockolmo: é este o mais importante impulso para a instrucção universal dos cegos.

Os esforços da Liga Esperantista dos Escouteiros estão sendo correspondidos de um modo animador; foram nomeados agentes na Polonia e na Esthonia; da Belgica, Cuba, Hollanda, Mexico chegam noticias favoraveis; em diversos circulos de Londres, o Esperanto diffunde-se com firmesa entre esses novos adeptos.

**Escossia.** A Federação Escosseza das Sociedades Esperantistas faz publico que no anno transacto, as autoridades escossesas de instrucção ministraram o ensino do Esperanto, por professores remunerados, em 17 cursos com 282 alumnos. As novas autoridades desejam informações para organisação de novos professores de provada competencia.

**Finlandia.** Os professores esperantistas, que participaram da reunião geral dos professores populares, fundaram a Liga Esperantista de Professores Finlandezes, para a propaganda entre o professorado e nos collegios.

**Esthonia.** Foi fundada a União Esperantista Esthoniana.

**Suecia e Noruega.** A Sociedade Esperantista dos Professores Suecos resolvêo adiar para o proximo anno a sua reunião annual conjunctamente com o do Congresso Scandinavo, em Kristiania. O Sr. Beckman, em favor de propaganda entre os Escouteiros, comprometteo-se a proporcionar a 20 d'entre delles uma excursão gratuita a Inglaterra no proximo verão. — Entre o operariado sueco é grande o interesse pela nossa lingua.

*Sysslebäck* — Foi fundado o Club *«La Espero»*, filial da Federação Esperantista Sueca. Na Escola Publica de *Lakkegaten* (Noruega) foram effectuados os primeiros exames de Esperanto: dez alumnos exhibiram provas satisfactorias com grande gaudio para os assistentes. *Kristiania.* Foi fundada a Sociedade esperantista editora *«Agado»*, para publicação das producções esperantistas scientificas, litterarias e de propaganda na Noruega.

**Allemanha.** Renasce, promettendo readquirir a antiga pujança, o movimento esperantista. *Berlim.* O Dr. P. Rumpel, docente da Universidade, esperantista pacifista, propôz e realizou a creação da «Esp. Komitato da Germana Ligo para a Sociedade dos Povos». Em *Breslau, Cassel, Bromberg, Dresden, Dusseldorf, Essen, Frankfurt, Hanover, Leipzig, München*, e em outras cidades, apparecem jornaes, inauguram novos cursos, fazem conferencias, exposições, emfim procuram restituir ao Esperanto o prestigio abatido pela guerra.

**Austria.** — *Graz.* Por proposta da Sociedade Esperantista da Styria, a Liga para negocios estrangeiros resolvêo usar o Esperanto officialmente nas communicações com o exterior. *Vienna.* — Foi fundada a *«União Choral Zamenhof»*: o Snr. Jacobson publicará uma gazeta mensal *«O Canto Esperantista»*, destinada a ser em poucos annos um repertorio de tudo quanto houvér de notorio e importante sobre a litteratura musical do mundo esperantista. *Kowno* (Litova). A Sociedade Esperantista que desapparecêo desde o começo da guerra, tendo perdido a sua bellissima bibliotheca (cerca de 2.000 volumes: brochuras, livros, jornaes, etc.) resurge de novo graças aos esforços do Snr. Medem.

**Croacia.** *Zagreb.* Foram inaugurados trez cursos com 200 alumnos; das cidades provinciaes pedem livros e objectos de propaganda.

**Tchekslovachia.** — *Leipa.* Os delegados das Sociedades esperantistas germano-bohemias, reunidos em conferencia, recommendaram uma propaganda sem treguas, não pelas columnas do jornalismo local, mas por cartazes impressos nas ruas, nas redacções, estações das linhas ferreas, etc. por quadros luminosos nos cinemas e panoramas.

**Suissa.** No Cantão de Argovia onde o movimento e propaganda do Esperanto eram nullos, nota-se actualmente interesse na collaboração do progresso humano, pela introducção da lingua artificial na classe das cousas uteis: em *Turgi* e *Baden* têm sido feitas conferencias publicas, concorridas e muito applaudidas.

**Hespanha.** A municipalidade de *Manlieu* deu a uma das suas mais bellas ruas o nome de *Zamenhof*.

**Portugal.** *Lisboa.* Foi inaugurada em Setembro ultimo a sociedade esperantista operaria «*Fratiga Stelo*» em Belém, e pouco depois outra intitulada «*Esperantista Flegisto*»: estas duas Sociedades juntamente com a «*Lisbona Verda Stelo*» formam a *Federação Esperantista Operaria Luzitana*. Essas associações mantêm cursos frequentados por cerca de 165 alumnos.

**Argentina.**—A «Associação Esperantista Argentina» cogita de conseguir da chefatura de policia permissão para abertura de cursos de Esperanto, para a nova brigada de agentes policiaes. O Centro Esperantista «*Antaŭen*» brevemente dará a lume um novo periodico «*Tutmonda Stelo.*» *Medanos.* O Centro «*Internacia Progreso*» conta de dia para dia maior numero de adeptos, graças a incessante propaganda dos samideanos dirigentes do movimento.

**Japão.**—*Jokoama.* No 6.° Congresso annual dos Esperantistas Japonezes, reunido no anno proximo findo, com avultada concurrencia de samideanos e representantes da sciencia, commercio e industria, o editor do «*The World Salesman*» salientou que ia longe o tempo em que no Japão, o inglez era considerado a unica lingua importante, porquanto o Ministro da Instrucção recommendou a introducção do Francez e do Allemão em varias escolas de alto grão: na sua opinião, porém, o problema de lingua não consiste na aprendizagem e ensino de muitas; ao contrario a solução racional é a adopção de uma, simples, internacional, neutra, o Esperanto, capaz de preencher todas as necessidades. Um sacerdote buddhista, em eloquente oração, provou ao auditorio que o espirito do Esperanto é essencialmente o mesmo que o do Buddhismo.

Foi organisada uma Commissão Japoneza da Lingua Commercial Commum e distribuido um appello impresso aos Commerciantes Japonezes.

**Australia.**—*Melburne.* A Sociedade Esperantista Australiana festejou á 16 de Agosto, o dia da Arvore, plantando diversos specimen dedicados a memoria de Zamenhof, nos jardins da Snra. Lilian Pyke, distincta esperantista.

V. S.

# BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas:

**Humoraĵoj**, de profesoro Baucon, kun antaŭparolo de P. Christaller. Prezo: 0,33 M. Eldonejo: Oscar Ziegler & Ko., Markt Redwitz (Oberfranken) Germanujo.

**Blanche. La Virgulino de Lille**, tradukita de Edward S. Payson, prezidanto de Esperantista Asocio de Norda Ameriko.

**La Akrobato de Nia ŝinjorino** (milcentjara legendo) tradukita de Edward S. Payson: Prezo 35 cents. Presiĝis ĉe la Esperanta Presejo de Ernest Fairman Dow West Newton, Mass., Usono.

**Religio kaj Scienco** laŭ la lumo de la *Bahaja rivelaĵo* de J. E. Esslemont, M. B. Ekzempleroj de ĉi tiu pamfleto estas haveblaj de la Brita Esperantista Asocio 17. Hart Street, London, W. C. 1. Anglujo. Prezo: ses pencoj.

**La libro de komuna preĝo.** Kajero unua, kiu konsistas el: La ordo de matena preĝo. La ordo de vespera preĝo. Ĉe matena preĝo. La litanio. Eldonita de la *Eklezia Esperantista Ligo*. Prezo: Sm 0.354 Abonprezo de kajeroj 1—5: Sm 1.75. Farnley Tyas Vicarage, Huddersfield, Anglujo.

**Esperanto plifirmigos la pacon.** Galopo por fortepiano de samideano Franko Perucchetti, Arona. Lago Maggiore—Italujo. Bela poŝtkarto.

**Esperantido.** Nova formo de la Lingvo Internacia «Esperanto» verkita de Antido (René de Saussure). Estas homoj kiuj neniam estas kontentaj. Ili vivas ĉiam provante plibonigi tion, kio jam estas sufiĉe bona. La aŭtoro de Esperantido estas unu el tiuj homoj. Kiom da mono kaj tempo perditaj! Diras la proverboj: «Pli bono estas malamiko de bono» kaj «Kiu avidas pli bonan, perdas plej bezonan».

## Novaj gazetoj ricevitaj

**Internacia Komerca Revuo.** Monata organo ilustrata por komerco, industrio kaj internacia ekonomio. Jara abono: Fr. 5. (svisa valoro). Redaktejo—Administrejo: Hauptpostfach 6104. *Zurich Svisujo.*

**Nova Tempo.** Internacia revuo por komunaj kulturlaboroj kaj mondrilatoj. Daŭrigo de la estinta Wien' a gazeto German-Aŭstria Esperantisto. Eliras monate. Jara abono: K. 15. Redakcio: *Tuchlauben, 18. Wien. I. Aŭstrio.*